# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 05/04/2018 Tricentsesdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,620,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol **1,280,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol **340,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol **2** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 22 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Kiel ni vidis, PAG mencias ke en certaj kazoj oni devas, por eviti miskomprenojn, uzi la analizajn formojn de la faktitivo, ekzemple ĉe "purigi knabon". Mi opinias tion nenecesa, ĉar "purigi knabon" ne povas signifi ion alian ol "igi knabon puri" = "igi knabon esti pura". Se oni volas diri "igi knabon purigi (ion)" oni simple diras "Mi purigigas la knabon (la biciklon)". Kaj se oni volas diri "igi (iun) purigi la biciklon" oni "purigatigas la biciklon". Aŭ se mi igas la fraton purigi la knabon, mi "purigatigas la knabon". Sen miskomprenoj. Kompreneble la analizaj formoj uzeblas ankaŭ, kaj kelkaj personoj preferas ilin, precipe en apenaŭ uzata frazo kia "Mi igas la fraton igi la knabon igi la biciklon pura", por la teoria "Mi purigigigas la fraton la knabon la biciklon". Sed la analizaj formoj ne estas kaj ne bezonas esti devigaj por la normalaj frazoj, se por eviti miskomprenojn oni uzas "La kapitano mortigigis (siajn) soldatojn" kaj "Li mortigatigis la (malamikajn) soldatojn". Ĉe transitivaj radikoj la vortoj estas kompreneble pli mallongaj: "Li murdigis siajn soldatojn" kaj "Li murdatigis la aliajn soldatojn", (pasive: Liaj soldatoj mortigatis de li, kaj La aliaj soldatoj murdatis).




*Marcel Leereveld*





UEA – UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko*

***KOMISIONO PRI AGADO EN LA LANDOJ DE MEZA ORIENTO KAJ NORDA AFRIKO***

# Fondaĵo MONA

UEA ĵus starigis la Fondaĵon MONA por subteni la agadojn en la landoj de Meza Oriento kaj Norda Afriko, kiuj estas ĉiam pli rezultodonaj. Vidu, ekzemple, la retajn paĝojn http://esperanto.net/ar/ en la araba.

Ni zorgas ankaŭ pri rektaj anoncoj pri Esperanto en arabaj Facebook-paĝoj, pri sendado de lernolibroj al dezirantoj, kaj pri multaj aliaj kampanjoj.

Zamenhof diris: *al tia afero, kiel nia, la registaroj venas kun sia sankcio kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio estas jam tute preta*. Pro tio ni mem, la simplaj kaj sinceraj esperantistoj, devas fari la laboron kaj subteni finance la laboron. Nia komisiono bezonas vian helpon, ankaŭ por ke gejunuloj el nia regiono ekaperu en la internacia movado. Pagmanieroj estas tiuj kutimaj al UEA, https://uea.org/alighoj/pagmanieroj, kun la indiko "MONA".

Dankon!

Informis *Renato Corsetti*



# Kiu konis BOHUSLAV KOSTINEK?

Muzeo en ĉeĥa urbo Nachod serĉas informojn pri Bohuslav Kostinek (naskiĝis en 1931). Oni scias, ke li vivis en Turramurra (NSW) kaj aperigadis E-artikolojn.

Bonvolu kontakti min ĉe: katja.steele@gmail.com *Katja Steele*



# "Honi Soit"



Ĉiutage multe da studentoj pretermarŝas la Esperantodomon en Redfern. Dum la lastaj semajnoj ni instalis informŝildon pri Esperanto kaj ankaŭ daŭre metis Esperantoflagon je la domo por varbi pri Esperanto.




Kun sukceso: Du ĵurnalistoj de la studentĵurnalo de *Sydney University* vizitis la Esperantodomon kaj intervjuis Richard Delamore, Dimitry Lushnikov kaj Rainer Kurz. Ili publikiĝis la artikolon je la studentĵurnalo "Honi Soit". La longa kaj detala artikolo estas legebla je www.honisoit.com/2018/03/desperanto-house. (Angle)

Ĝis baldaŭ *Rainer Kurz*

Karaj,



La 27an de marto aperis artikolo pri Esperanto en la revuo de la universitato de Sidnejo, vidu http://honisoit.com/2018/03/desperanto-house/ (Angle)

Amike, *Nicole Else* (Du informantoj estas multe pli bonaj ol neniu. *Roger S*)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto en la lernejojn!



Post la malpost (=*antaŭ) kelkaj jaroj en Njusaŭzvelso faritaj penoj enkonduki Esperanton en lernejojn, en kiuj penoj oni sukcesis kontakti kaj "konvinki" reprezentantojn de registaraj edukaj instancoj, kaj kiuj penoj ne sukcesis, ni nun havas similan situacion en Saŭstralio. En Njusaŭzvelso oni havis almenaŭ sufiĉe fortan helpon, ĉar oni povus tuj praktike komenci la instruadon per taŭga lernolibro por infanoj. En Saŭstralio oni ne povas prezenti la necesajn instruistojn nek lernolibron por infanoj. Sed tie oni havas almenaŭ la evidente sinceran aprobon kaj helpemon de parlamentano, kiun oni ne havis en Njusaŭzvelso. Ĉar estas klara al tiuj kiuj regule rilatas kun la edukministrejaj aparatoj, ke KAJ iliaj reprezentantoj KAJ parlamentanoj kutime estas nefideblaj en siaj promesoj kaj laŭdoj al Esperantistoj. Ili diras al vi ke viaj ideoj kaj proponoj estas tre interesaj, kaj ekzekutindaj, sed ili scias ke ili nek povas nek volas enkonduki viajn Esperanto-proponojn. Ilia kuraĝiga mieno kaŝas ilian negativecon, sed ilia kuraĝigo eble helpos ke vi voĉdonos por ili. La registaranoj kiujn vi esperis konvinki preskaŭ neniam admiras Esperanton, pri kiu ili nenion valoran scias. Kaj eĉ en la ege malofta kazo ke ili teorie subtenas nian lingvon, kio ŝajnas esti la kazo en Saŭstralio, ili scias ke ne nur la edukministerio, sed ankaŭ la lernejestroj, la instruistoj, la gepatroj, kaj eĉ la ĵurnaloj kaj gazetoj, naŭdeknaŭprocente batalos kontraŭ la enkonduko de Esperanto, ĉar ili havas laŭ ili pli gravajn instrufakojn. Kaj ŝajnas ke en Saŭstralio la Esperantisto(j) eĉ ne povis prezenti la necesajn instruistojn por komenci provinstruadon en grupo da lernejoj.

Kompreneble ni devas propagandi Esperanton kie ajn ni povas, sed ni devas scii ke enkonduko, kiel normala fako, en la lernejojn ne okazos se ni ne antaŭe sukcesis solvi

malfacilajn problemojn kontraŭagantajn Esperanton. Pli bone estas antaŭe peni forigi la multajn obstaklojn. Mi havas sperton pri tio, sukcesinte enkonduki Esperanton kiel oficialan kaj devigan fakon. Ekzemple en Hobarto, en la jaro 1959, mi sukcesis ke Esperanto devige instruatu en la lasta jaro de la elementa privata lernejo The Friends' School, kaj ankaŭ en du el ĝiaj tri unuajaraj klasoj devige, kaj poste libervole, en ĝia mezlernejo. Sed mi sukcesis en tio nur pro pluraj favoraj cirkonstancoj, sen kiuj mi certe ne estus sukcesinta. **Unue** mi estis lingvoinstruisto kaj jam antaŭe enkondukis la germanan lingvon, krom la jama franca. **Due** mi instruadis Esperanton en la lunĉhoroj, al grupeto. **Trie** mi sukcesis Esperantigi kelkajn instruistojn. **Kvare** unu el la instruistoj jam ellonge estis Esperantisto. **Kvine** la aŭstralia ambasadoro Ralph Harry venis dufoje al la lernejo por paroli pri kaj favori al nia lingvo. **Sese** antaŭa prezidanto de A.E.A. estis en la estraro de la lernejo, kaj faris sian propagandon tie. **Sepe** la lernejestro estis instruisto de fremdaj lingvoj kaj favora al Esperanto. **Oke** la alia instruisto de fremdaj lingvoj, krom mi, estis amiko nia kaj ne agis kontraŭ Esperanto, kiel ili normale faras. **Naŭe** la sublernejestro lernis Esperanton de mi. **Deke** la lernejestro, kvankam tre malfacile, fine povis konvinki la plejmulton el la gepatroj ke Esperanto estas lerninda. Krome la lokaj ĵurnaloj multe kaj favore raportis pri la antaŭe okzinta A.E.A.-kongreso en Hobarto.

Pro ĉiuj tiuj kondiĉoj la lernejestro kapablis efektivigi mian proponon por Esperanto kaj oficiale plenrajte enkondukis la lingvon. Mi dubas ĉu oni iam en Aŭstralio havis ĉiujn tiujn fortajn bazojn por sukcesigi la enkondukon. Se nur unu el ili ne ĉeestus, la afero estus fiaskinta. Mi mencias ĉion ĉi supran por komprenigi ke enkonduki Esperanton en lernejojn estas ege malfacila laboro kaj bezonas multe da preparado. Kaj miaj sukcesoj estis nur en privataj lernejoj; en publikaj lernejoj ofte estas pli malfacile, kvankam la lernejestroj tie avas la permeson kaj povon memdecide enkonduki Esperanton, kiel antaŭ multaj jaroj faris dum kelkaj jaroj S.ro Ivo Maddern , ĉefo de la Morwell High School en Viktorio. Sed ekzistas ege malmultaj lernejestroj Esperantistaj.

*Marcel Leereveld.*

**ĜARDENAĴOJ.** Malgraŭ la seka vetero, mi malmulton faris ĉisemajne en la ĝardeno, ĉar je "Bona Vendredo", kiam mi laboris sur la vojrando por enordigi la terenon mi senscie perturbis grandan vesponeston kaj sekve atakatis de centoj da vespoj venantaj al mia kapo kaj mia nuko por venene piki min kie ili povis. Mi do ricevis dekojn da pikoj, kio estis tiom doloriga ke mi devis iri al la malsanejo, kie ili povis nenion fari escepte doni kontraŭdolorpilulojn kiuj ne funkciis. Nun post tri tagoj la pikoj malpli doloras.





Nur unu aferon mi ĝis nun kapablis fari: mezuri la plej longan branĉon de unu el miaj cedroj. Ĝi mezuriĝas naŭ kaj duonan metrojn, estas komplete horizontala, kaj estas mirinda kiel la ligno ĉe la trunko kapablas supren teni tiom pezan aferon. *M. L.*

## LA LINGVO PER BILDOJ.

Unu frazo, aŭ pli bone unu propozicio (angle "sentence"), kreas bildon en nia menso. Kontraŭdirekte unu bildo povas krei en nia menso propozicion. La propozicio povas reprezenti kelkajn partojn de la bildo, aŭ pluraj propozicioj povas reprezenti plurajn partojn de la tuta bildo, do bilderojn. Sed normale ĉiu propozicio, reprezentanta bildon aŭ bilderon, konsistas el almenaŭ du elementoj, **unue** la aganto de iu ago, kaj **due** la vortoj por indiki la specon de ago, inter kiuj estas ankaŭ agoj en kiuj la aganto nek movas nek moviĝas (= nevideblaj aŭ konsistaj agoj). Ekz. "La hundo manĝas" kaj "La virino ripozas", kaj "La viando manĝatas (de la hundo)". La ago povas esti aktiva, pasiva (= ricevanta la agon), kaj neŭtrala, netransitiva.

La parto indikanta la aganton nomiĝas la (gramatika) subjekto; la vorto kiu indikas la aktivan, pasivan aŭ neŭtralan agon nomiĝas verbo. Por indiki subspecon de ago, oni ofte uzas verbon kun alia verbo aŭ substantivo aŭ adjektivo. En tia kazo la verbo kun la ekstra vorto kune nomiĝas en Esperanto predikato. Notu ke en tia predikato la ago estas speciala ago, kiel ekz. en "Li fariĝis kuracisto"; ne en hazarda ago kia "Li ricevis diplomon", kie "ricevis diplomon" ne estas speciala ago, do kie la predikato konsistas nur el la verbo "ricevis", dum "diplomon" estas alia elemento de la bildo kaj de la propozicio. Notu ankaŭ ke, kvankam propozicio konsistas el almenaŭ la subjekto kaj la predikato, oni kelkfoje subkomprenas la subjekton, kiel ekz. en "(La pluvo) Pluvas", kaj en "(La temperaturo) Estas varme".

Multaj agoj bezonas, aŭ povas ĉehavi, **trian** elementon en sia bildo. Oni ekzemple ne povas fari la agon "preni", se ne ĉeestas io prenebla, kiun oni devas mencii. Neniu povas diri "Oh, hieraŭ mi prenis". Tio, kion oni bezonas ĉe tiaj agoj, aŭ povas ĉehavi ĉe tiaj agoj, nomiĝas (gramatika) objekto. Ĝi ne ĉiam ĉeestas en la frazo, ĉar subkomprenata. Tiu gramatika objekto ricevas en Esperanto la finaĵon "-n". La gramatika subjekto ne ricevas ĝin, nek prepozicion. La unua verbo ricevas specivan verban finaĵon, kia "-os" kaj "us". La **kvara** elemento en bildo kaj en propozicio estas unu aŭ pli da indikoj de cirkonstancoj. Ili AŬ estas prepozitivoj, AŬ adverboj. Jen ekzemploj: "La infano faris ĈI TIUN MATENON EN LA LERNEJO desegnon POR SIA PATRINO." kaj "Mi AĈETCELE RAPIDE iris BICIKLE BUTIKAREN."

La homa menso tre ĝuis vidi komplikajn bildojn, kaj eĉ pli komplikajn propoziciojn. Tiel jam malpost (= antaŭ) tre longa tempo, malpost (= antaŭ) ol povi skribi siajn lingvojn, ĝi plilarĝigis ĉiun el la kvar partoj de la propozicio. Konsekvence oni povas renkonti kvarlinian propozicion, ĉe kiu sola propozicio aldoniĝis al ĉiu parto de tiu propozicio pluraj adjektivoj, infinitivoj, prepozitivoj, subordaj frazoj, kaj similaj ekstraj aldonaĵoj, kaj kromaj, al la jam donitaj aldonaĵoj. Por trovi tiajn longajn propoziciojn, legu artikolojn en la komerca sekcio de ĵurnalo. Estas tre ebla, apartigi tiajn longajn propoziciojn al malolongaj.

Cetere, ke la homaro sukcesis transdoni, neskribitaj, tiujn komplikajn lingvojn, pruvas, ke por lerni kaj daŭrigi sian lingvon oni ne bezonas skribsistemon nek lernejojn por perfekte lerni sian lingvon.

*Marcel Leereveld.*



Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro  



# AMIKECO EN BEKASI

## Dua tri-landa kongreso

Bekasi, Indonezio 28/3 - 2/4




Mi sidas en blua Damri buso inter Bekasi kaj la flughaveno en Ĝakarto.
La duonplena buso nur malrapide moviĝas, ofte eĉ staras. Mi demandas min, kiom da tagoj (jaroj) tiuj trafikŝtopiĝoj forrabas de la loĝantaro?
Ekstere mi vidas la grandegan, vastan urbon de Ĝakarto.
Antaŭ unu horo ni adiaŭis niajn (mal)novajn amikojn.
Do kia estis la dua tri-landa kongreso?
Ne partoprenis tiom da homoj kiel antaŭ du jaroj en Bandung. Verŝajne ĉar la preparado ne iris tiel glate..... (en Bekasi 63 el 8 landoj)



Kompreneble, ne ĉio estis perfekta. Ekzemple, bedaŭrinde ofte ni ne kune manĝis .... simple ĉar la manĝaĵo en la hotelo estis tro multekosta por la indonezianoj kaj orient timoranoj. La ĝenerala malegaleco en la mondo speguliĝas ankaŭ en tiu ĉi kongreso.

Tamen, mi dirus ke la kongreso estis sukcesa. La komentoj de la partoprenantoj estis ĉefe pozitivaj.
* Heidi Goes prezentis sian preskaŭ pretan libron pri la historio de Esperanto en Indonezio. Tre impona afero. Ŝi vere esploris multajn detalojn pri diversaj indoneziaj esperantistoj, lokoj kaj eventoj. Tiu libro estos bonega modelo por la historio de Esperanto en aliaj landoj. Ankaŭ por ni.



* Ni ekskursis .... Ni vidis interesajn aĵojn en la Nacia Galerio, la Nacia Muzeo kaj "Taman Mini Indonesia Indah", loko kiu ekspozicias multajn diversajn tradiciajn konstruaĵojn el diversaj partoj de Indonezio.

* Ni bonŝancis. Heidi ankaŭ sukcesis akiri monon de UEA por la ĉeesto de dek(!) junaj orient timoranoj. Ili tutcerte vigligis kaj riĉigis la eventon. Mi esperas ke ni povas daŭrigi nian kontakton kun ili. .... Pensu pri viziti ilin en Orienta Timoro.



* La skajpaĵo bone funkciis: Humphrey Tonkin kaj Mark Fettes prezentis pri la nuna situacio de UEA kaj Esperanto en la mondo. Ambaŭ estis iomete pozitivaj pri la estonteco de nia lingvo. Ankaŭ Jonathan skajpprezentis pri "Verkado por la elektronika ekrano". Bonege havi tiel atenteman personon inter ni.

* Albert, junulo el Filipinoj, tre bone reprezentis sian landon kaj mi ĝuis aŭdi pri la junaj esperantistoj en Filipinoj por la unua fojo.

* Ni aŭskultis prezentadon pri nekutimaj arboj, flagoj, uzado de Esperanto en la universitato de Valencio en Hispanio, la Cassini projekto kal aliaj.



* Grupo de ni partoprenis en la semajna senveturila mateno. Inter la 6:00 kaj la 10:00 la aŭtomobiloj estas forpelitaj de la ĉefa strato de Bekasi kaj dum tiuj kvar horoj la strato abundas de piedirantoj, biciklistoj, kurantoj... Ni reklamis pri Esperanto, kaj mi ĝuis la fakton ke finfine ni estis ekstere en la *vera mondo* ne nur en salonoj en la dua etaĝo de la hotelo Horison.

* Kiel en Bandung, la energio, intereso kaj entuziasmo inter la junuloj estis granda kuraĝigo por la iomete pli aĝaj eksterlandanoj.
* Dum la ferma ceremonio multaj substrekis ke la plej valora aspekto de la kongreso estis amikeco..... Mi esperas, ke multaj el la novaj amikoj restos amikoj.



Ĉu tria tri-landa kongreso? Kiu scias? Ni iomete komencis esplori la eblecon starigi kumunan eventon en Balio post du aŭ tri jaroj. Kion vi pensas? *Sandor Horvath*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Owen Loneragan, atingis sian 94-an naskiĝtagon je la 26-a de marto.

Nia kolego kaj senlaca proponanto de Esperanto, Owen Loneragan, atingis sian 94-an naskiĝtagon (datrevenon aŭ kion ajn vi preferas) je la 26-a de marto.

Mi telefonis por gratuli lin, kaj ankaŭ komentis, ke en la antaŭurbo de Perth, Hollywood, troviĝas Strato Loneragan; ĉu hazarde iu parenco de li? Jes! Tiu S-ro Loneragan estis Alan, la onklo de Owen, kies patro prizorgis ankaŭ la junan Alan-on.

La knabo Alan kreskis, edukiĝis kaj finfine fariĝis lernejestro de Dalwallinu, Hollywood kaj Fremantle Liceoj.

Li ankaŭ estis golfludo-ĉampiono, kun handikapo de 1 - kio signifas nenion al mi, golfludant'-analfabeta, sed sendube signifoplenas al multaj legantoj de AE kiuj ludas tiun skotan distraĵon.



Multajn feliĉajn tagojn pliajn al Owen. *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Semajna raporto de Melburno



Ni ne kunvenis pasintan semajnon pro pasko.

### VENONTAJ KUNVENOJ

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 8-an de Aprilo je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 9-an de Aprilo je 18:30-20:30

### NUNAJ SEKVANTOJ (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1078 Instagram – 155

Facebook – 378 Telegram – 19

Twitter – 390

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 7a de Aprilo estas la unua sabato. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto. Kvina ero



Hodiaŭ troviĝas en la domo honorloĝejo de iu dana poeto. Mi devis kelkajn fojojn ĉiunokte ĉirkaŭbicikli la konstruaĵon kaj certiĝi, ke ĉio estas en ordo. Ofte okazis tiam tre gravaj kunvenoj de artistoj kaj literaturistoj, tiuj kunvenoj okazis interne, mi devis resti ekstere en la malvarmo. Preskaŭ tuj apud Bakkehuset situas frenezulejo. Tre malnova konstruaĵo, en kiu loĝas kaj infanoj kaj plenkreskuloj. Iun nokton mi renkontis virinon en la ĝardeno de unu el la multaj grandegaj vilaoj de Carlsberg. Kiam mi demandis ŝin, kion ŝi faras, ŝi montris al mi grandegan tranĉilon. Mi kaptis ŝin je la mano kaj tiris ŝin al la frenezulejo. Vekinte la estron de la frenezulejo, mi sciiĝis, ke ŝi loĝas tie, kaj oni enlitigis ŝin.

Tiam mi faris mian rondon en la frenezulejo. En la kelo mi trovis dormantan junulon. Mi vekis lin kaj demandis, "kion vi faras ĉi tie ?" "Kiam mi estis infano, mi loĝis ĉi tie" li respondis. Nun li loĝas en alia frenezulejo. Estas multaj frenezulejoj en Danlando, Hamleto pravis, ĉu ne ? ne necesas frenezi en tiu lando, sed tio helpas !

La kompatinda junulo sopiris al la hejmo de sia infanaĝo, kaj en la nokto li ŝteliris tien. Do, ree mi devis veki la frenezulejestron kaj demandi, "ĉu vi konas tiun ĉi junulon ?" al kio la estro respondis, ke jes. Oni trovis ankaŭ por li liton por la nokto.

Mi prigardis iom post iom 14 malsamajn distriktojn en Valby kaj Vesterbro. Kelkajn noktojn mi biciklis laŭ la strato kun la flava buso, kiu trairis nian ĝardenaron kiam mi estis malgranda knabo. Nun tiuj ĝardenoj ne plu ekzistas. Troviĝas tie nur altaj flavaj apartementaj domegoj. Progreso, ĉu ne ? Kaj kvankam la bieno ankoraŭ estis tie, la kampoj tamen estis for. Ankaŭ tie, kie iam mi ame rigardis la plugiston kaj lian ĉevalon, mi vidis nur la flavajn domegojn, kun tiom da apartementoj.

Mi subite komprenis, ke se ankaŭ Audrey kaj la du knaboj devos veni Danlanden, necesas, ke mi unue trovu taŭgan loĝejon por ni ĉiuj. Venos iam aŭtuno, kaj tiam miaj gepatroj revenos el la somerdomo, kaj ili ne povos gastigi tiom da homoj, kiuj iam preferis loĝi en Anglujo.

Børge iris kun mi por serĉi loĝejon. Post tiom da jaroj en domoj mi ne tre deziris loĝi en luloĝejo, kiel miaj gepatroj ĉiam faris. Børge komprenis tion, kaj kune ni eliris, per lia motorbiciklo, por trovi domon. Devis esti iu tre malmultekosta domo. Serĉinte en ĉiuj periferiaj distriktoj de Kopenhago, ni trovis, en "Hvidovre", t.e. blankaj akreoj, malgrandan dometon kun elektra lumo kaj forno. Estis en la dometo akva necesejo, duŝejo, kuirejo kun botelgaso. Sed neniu varma akvo. Ni decidis, ke mi aĉetu ĝin. *Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★